# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 26/12/2014 Cent naŭdek sepa eldono 28/12/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## 51. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

### LA MODOJ DE LA VERBO. C.



La tria modo nomatas, malĝuste, la kondicionalo. Ĝi estas la fiktiva modo. Ĝi prezentas imagon de ago kiu okazas ne vere , kaj kiu samtempe okazas kun alia imagata imago. Unu el la imagataj agoj okazas se la alia imagata ago okazas, sed ambaŭ nur en la imago. Kelkfoje unu el la du estas nur subkomprenata, ne menciata. Ĝi reprezentas unu el la malmultaj pensmanieroj, per kiu la homo (kaj eble la simioj) kaj ne la bestoj povas pensi. La finaĵo por KAJ la imagata kondiĉo KAJ la imagata konsekvenco estas "-us". Jen ekzemploj: "Se ci estus juna (sed ci ne estas), ci povus levi ĉi tiun pezaĵon (sed ci ne povas)"; "La doloro ne ekzistus, se Dio ne permesus ĝin"; kaj kun nur unu el la partoj: "Do ci ne posedas pluvsurtuton? Sed se ci loĝus en Nederlando! (sed ci tie ne loĝas)", kaj "Ci ne manĝas viandon, ĉu? Sed en Gronlando ci manĝus viandon", kaj "Kontraŭe al ci (se mi estus ci), mi ne farus tion".

Ĉe "–us" temas nur pri nerealaĵoj, sed eŭropaj Esperantistoj, pro siaj lingvoj, malĝuste kaj enue ofte uzas la fiktivon por malfortaj realaj deziroj, ekz. "Ĉu vi ne ŝatus manĝi nun? Se jes, ni

iru urbcentren”, kaj “Se vi povus fari tion (kaj eble vi povos), ni tre ĝojus (kaj tiam ĝojos)”. Ĉi tiuj misuzoj evitatu, kaj facilas uzi alivortajn esprimojn, ekz. “Ĉu vi eble ŝatos manĝi nun?”, ktp.

Notu ke ankaŭ en la indikativo povas ĉeesti kondiĉoj, do kondicionalo, kiel ekzemple en “Se morgaŭ mia patrino eble vizitos min, mi kuiros por ŝi”, kaj “Se ili hejmiris piede, ili certe malsekiĝis”.

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !** Vidu paĝon 4 sube.

## La Esperanto-Doma Gastdormeja Novaĵo.



‘Kiwi Kev’ sen antaŭa peto restis ĉe la korto je la 16a de decembro.

Rainer Kurz petis tranoktadon de la 17a de decembro ĝis 28a de dec. Foriris jam la 23an de decembro.

Ilia Dewi el Indonezio alvenos je la 29a de decembro kaj restos ĝis la 1a de januaro.

Indrani BeharryLall el S.Aŭs. alvenos Dec.30 kaj foriros Jan. 2.



Jesa (Hyon-suk) entute 4 koreinoj restos ekde la 11-a ĝis la 19-a de jan.

Ĉu iu leganto deziras spekti la Sidnejan piroteknikaĵon la 31an de decembro kun Ilia el Indonezio kaj Indrani el Adelajdo? Se jes, bonvolu skribi al Nicole nicole@cryogenic.net



## Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon la 24an de dec venis Roger Springer kaj Margaret Chaldecott kiuj laboris farante ĝeneralajn oficejajn/domajn taskojn kaj Ian Wylles helpis en la arĥiva ĉambro.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Je la 20a de Decembro venis Chris Holliss, Roger Springer, John Casey kaj Jan Wylles.

Iu kliento de la kafejo alvenis dirante kelkajn vortojn en Esperanto. Li lernis iom ĉe sia laborejo antaŭ 50 jaroj instruite de iu „Roger“. Li parolis pri iu Roger, mi, ĉar tiam ni ambaŭ laboris tie.

Venonta kunveno je la 3a de januaro 2015

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

La venonta Skype estrarkunveno okazos lundon, la 29-an de dec., je la 17:00 (16:30)

# Komentoj pri AE

Al Tom O'Grady: Ankaŭ mi komencas ĉiun tagon per bovlo da aven-kaĉo :).
Al Marcel: Dankon pro la lecionetoj kiuj refreŝigas mian scipovon de la gramatiko de nia lingvo.
Al Nicole: Gaston Dorren estas stultulo :).
Al Roger kaj Nicole: Dankon pro jam plua jaro da belaj AE eldonoj.



Kaj al ĉiuj samideanoj, Feliĉan Festsezonon kaj Sanoplenan 2015.
Vera Payne

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## NE estas unu el miaj numeritaj lecionetoj:

"Leginte n.ron 47 de miaj gramatikaĵoj, kelkaj samideanoj eble miskomprenos mian eldiraĵon, ke la verbo reprezentas la tutan agon de komenco ĝis fino, same kiel la substantivo "tablo" signifas la tutan tablon, ne tablon sen ekzemple siaj kruroj. Tio ne signifas, ke la vorto "tablo" aŭ la vorto "naĝi" konceptatas sama en la menso de ĉiu persono. Ekzemple se mi diras la vorton "tablo" aŭ la vorton "naĝas", 'ciu persono havos iomete malsaman bildon en sia menso, ekz. japano vidas tablon kun nur piedoj anstataŭ kruroj, alia popolano vidas nur rondan tablon, aŭ nur kestosimilan senpiedan tablon. Same la ago "naĝi" povas bildigi en la menso diversajn manierojn de naĝado. Sed en ĉiu iomete malsama bildo la vortoj "tablo" kaj "naĝas" reprezentas por ĉiuj homoj la tutan respektivan bildon de iu aparta tablo aŭ de iu aparta maniero de naĝi. Ĉiu persono vidas la tutan bildon de sia speco de tablo aŭ de sia speco de naĝado de la komenco ĝis la fino." Dankon pro ciaj kristnaskaj bondeziroj! Kun amikaj salutoj kaj bondeziroj por la jaro 2015,

★★★★★★ Marcel Leereveld ★★★★★
★★★★★★★★★★ ★★★★★★★★★★★



La 25an mi veturis al Woy Woy kaj fotis pelikanojn.
Amike, Nicole
★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



★★★★★★★★★★★★★★★★

# Anoncoj pri la kongreso de Aŭstralia Esperanto-Asocio 2015

## Informado por kongresanoj – 2 ĝis 11 Januaro 2015 kiu eble helpos vin kiam vi alvenos Melburnon.

### Transporto

Internaciaj Esperantistoj aŭ Esperantistoj de aliaj ŝtatoj kiuj intencas uzi publikan transporton en Melburno, kiuj veturos per “Skybus” de la flughaveno aŭ per vagonaro al “Southern Cross” stacidomo devas aĉeti Myki vizitanto-karton ($14) aŭ ($7 por koncesiuloj). Tiu vizitanto-karto inkluzivas mapon kaj instrukciojn por la uzado de la karto. La vendejoj estas ĉe budoj apud la haltejoj de la “Skybus”en la flughaveno aŭ la stacidomo. Ili ankaŭ estas haveblaj ĉe la stacidomo (apud Collins Strato). Pli bone se vi enmetas pli da mono kiam vi aĉetos la karton ĉar la unua kosto nur donas al vi unutagan veturadon.

**BILETOJ NE ESTAS AĈETEBLAJ EN TRAMOJ, AŬTOBUSOJ OR VAGONAROJ.**

Post la aĉeto de la Myki karto trafu tramon (86 aŭ 96 (Brunswick) ĝis Elizabeth Strato, eliru kaj trafu tramon norden (North Coburg Numero 19) kaj eliru ĉe haltejo 15.

La pordego al Internacia Domo 241 Royal Parade, Parkville estas hela kolora arko.

La alternativo estas iri al Internacia Domo per taksio, nur 2 kilometrojn for de la urbo centro).

### Loĝado

Litĉambroj estos haveblaj je la 12a horo meztage kaj vi devos foriri de la ĉambro antaŭ la 10a horo la tagon kiam vi foriros.

## Akceptado komenciĝos je la 2a ptm.

## La unua evento estas vespermanĝo.

La estraro, AEA

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 | Vidu AE193 | Vidu AE194 | Vidu AE195 | Vidu AE196 | Vidu AE197 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 | | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 | | | | | | |
| Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | AE197 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 | | | | AE195 | | |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | | | | | | | | | | | | | AE196 | |
| Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero | | | | | | | | | | | | | | |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | | | | | | | | | AE192 | | | | | |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | | | | AE187 | | | | | AE192 | | | AE195 | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | | AE192 | | AE194 | | | AE197 |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 | | | AE194 | | AE196 | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | AE185 | | | | | | | | | | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | |

**Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au**

**Sendu informon pri via klubo**

Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio